# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

31a jaro MARTO-APRILO 1979 N-ro 2

- Fervojo en Afriko (Kenjo) -

# IKITUURI

nia kongresejo 1979

Lige al la artikoleto en IF n-ro 6/1978 ni prezentas ĉi-sube foton pri la Kongresa Centro en Turku. LKK petas nun publikigi sekvan informon pri la ĵus okazinta novordigo de ĝia mastrumado:

Post du jaroj da funkciado kiel tre favorata ejo por diversspecaj kongresoj la Centro komence de 1979 falis en financajn malfacilaĵojn, kiel sekvo de grandaj pruntoj faritaj en komenca fazo. La konstruadkostoj de la Centro estis pli altaj ol atendite, kaj nun oni devas aranĝi la pagon de interezoj kaj amortizoj. La koncerna A/S "Ikituuri Congress Center Turku OY" (kies ĉefaj partneroj estas la Fondumo de Turkua Studentvilaĝo kaj la Urbo de Turku) estis devigata rezigni ekspluatadon en sia propra reĝimo kaj ludoni la tutan kongresfunkcion al "Rantasipi" hotelĉena entrepreno. Novaj hotelmastroj transprenos ekspluatadon ekde 1.4.1979. Laŭ promeso oni respektos antaŭe faritajn interkonsentojn pri loĝej- kaj manĝoprezoj. Kelkaj ŝanĝoj povos tamen okazi en restoraciaj kaj aliaj servoj.

Grava rimarkigo: Kiel jam aludite en supremenciita artikoleto oni ne povas eviti, ke la IFEF-kongreso parte koincidos kun alia granda aranĝo en Ikituuri. 14-17.6.79 okazos tie eklezia kunveno organizita de "Centra Ligo por paroka agado de Finna Kirko" (proksimuma traduko el finna lingvo) kun partopreno de minimume 1000 personoj. Pri la uzo de necesaj kunvenejoj, precipe de la granda Arena-halo, estas jam farita interkonsento. Rilate la aliajn servojn oni klopodos kontentigi la bezonojn de ambaŭ kongresaranĝintoj.



INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr.121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, konto 7353-350550 - DK 9800 Hjørring - DANIO

## PROGRAMO DE LA 31a IFEF-KONGRESO EN TURKU - 15a-21a DE JUNIO 1979

| | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Vendredo 15. | | | | | | | Estraro/LKK Gazetara konf | | | | | | Interkona vespero | | |
| Sabato 16. | | | Malfermo | | | | urba rond-veturado | | | | Kulturvesp. | | | | |
| Dimanĉo 17. | Ekum. diserv | | estr/kom. nepublika<br>vizito metiista muzeo | | | Ekskurso | | | | | | | Balo | | |
| Lundo 18. | | fakprel. kom.<br>hist. kom. | term. kom. I | | | | | Fakprelego | | | vizito universitato | | | | |
| Mardo 19. | | estr/komitato (plenkuns. 1a parto) | | | | Ekskurso | | | | | | Arta vespero | | | |
| Merkredo 20. | | estr/komitato (plenkuns. 2a parto) | | | | | term. kom. II | | | | | | Filmoj | | |
| Ĵaŭdo 21. | Tuttaga ekskurso | | | | | | | | | | Fermo | | | | |

(La horoj ankoraŭ ne estas fine fiksitaj).

# La 31a IFEF-KONGRESO

Informoj:

- La fakprelega aranĝo estos jena:

Ĝenerala rubriko: Kombinitaj transportoj kaj rolo de specialaj entreprenoj.

Parto I: INTERCONTAINER - Koordiganto de la internacia kontenera trafiko de eŭropaj fervojoj (verkota de G. Sredić).

Parto II: La Kompanio RAILSHIP kaj la teknika realigo de vagon-transitado inter Hanko kaj Travemünde (verkota de N.G. Narvala).

La du prelegoj estos prezentataj dum la sama sesio, kun mallonga paŭzo inter ili.

- La prezoj por la postkongresa ekskurso estas kalkulitaj sub kondiĉo, ke la partoprenantoj posedas liberbiletojn laŭ FIP. Por la parto de pensiuloj kaj familianoj ni devas ankoraŭ pritrakti la aferon kun la ATC-sekcio. Eble la fervoja direkcio povos konsenti liberan trajnveturon por tiaj partoprenantoj.

- Pri eventuala ekskurso al Leningrado ni povas nur rekomendi al interesitoj turni sin al la finna ATC-sekcio (laŭ aliĝilo). Ekzistas certe eblecoj fari tian vojaĝon, se oni petas kaj ricevas la vizon por USSR jam en la propra lando, antaŭ la forveturo.

Ni pensas, ke la kongresanoj trovos konvenajn manĝejojn en la kongresejo kaj en ĝia proksimeco. Tiel oni povas elekti manĝejon laŭ gusto kaj monujo, verŝajne pli malmultekoste.






Turku - Kastelo

La urba akcepto planita por merkredo posttagmeze ne povos okazi en intencita amplekso. Verŝajne nur malgranda grupo da reprezentantoj estos akceptata. Anstataŭ estos aranĝata promenado en urbo. Laŭ intereso povos esti formataj apartaj grupoj por viziti muzeojn, artgaleriojn, varmagazenojn ktp.

# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI 1978

(Bonvolu kompletigi la raporton per respektivaj publikaĵoj el "Internacia Fervojisto". Laŭeble ni donos indikojn).

Niaj mortintoj.
Germanio: Franz Xaver Erhard, Franz Lang, Ernst Abt, Fritz Behnke, Alfred Lemme kaj H. Lemme (Geedzoj).
Hungario: d-ro Anton Fülöp.
Jugoslavio: Mile Veličkovič.
Nederlando: s-ino M.P. Bergman-Timmermans (edzino), P.C. Van Roy, G.G. Van Veldhuizen, Jan Lok.

Membrostato.
De jaro al jaro fariĝas pli malfacile, en la kadro de tiu ĉi regula raporto doni analizon pri la membrostato de IFEF. Ĉar kiel analizi, kiam la kotizoj el la pasinta jaro (1978) de kelkaj landoj (eĉ el okcidento) ankoraŭ ne estas pagitaj, do la membronombroj fakte nur estas taksablaj. Pro tio ĉi-jare ni lasos al la kasisto prezenti en sia raporto la ĝis tiam konatajn ciferojn.

La vortoj, kiujn ni skribis en IF 2/78 p. 19 pri la utiligeblo de la ĉeĥaj kotizoj, ankaŭ estonte validas. Do, ĉiu IFEF-ano el okcidenta lando, kiu intencas vojaĝi al Ĉeĥoslovakio, bonvolu anonci sin antaŭe ĉe la IFEF-kasisto H. Hauge, Tolne station, DK 9891 Tolne.

Honorigoj.
En la 30a IFEF-kongreso en Romo la 15.5.78 du novaj Honoraj Membroj de IFEF estis nomumitaj, nome

s-ro Johann Bürger, Aŭstrio
s-ro Pièrre Poly, Francio

Agado de la estraro.
La estraro kunvenis dufoje, nome en marto en Strasbourg (F), en novembro en Liège (B). Kiel kutime kelkaj el la estraranoj vizitis diversajn jarkunvenojn kaj aliajn okazintaĵojn, kion oni povas rigardi kiel realigon de parto el la laborplano.

Laborplano
- La Terminara Komisiono daŭrigis sian aktivecon (vidu IF 3/78 p.36). Ni ne ripetu ion el la raporto, sole kompletigu ĝin konstatante, ke ankaŭ la internacia kontaktilo "Terminara Kuriero" daŭre plenumas sian nesubtakseblan interligan taskon en la rondo de la komisioanoj.

- substrekindas, ke la finna prezidanto mag. Narvala prezentis la esperantlingvan tradukon de la "Ĝeneralaj transportkondiĉoj (kajero I) el la Komuna Internacia Tarifo por la Transporto de Pasaĝeroj kaj Pakaĵoj (TCV).

- La fakprelega Komisiono zorgis kiel kutime kun LKK por koordinado kaj bona ordo de la fakprelego.

- La Historio-Komisiono (v. IF 3/78 p.36) nun koncentras sin ankaŭ je la kolektado de detaloj por ĝustatempe povi kompili la malneton de la historia broŝuro.

- En 1978 IFEF povis festi la 30-jaran ekzistadon de sia organo "Internacia Fervojisto" (v. IF 5/78 p.54).

Rilatoj al diversaj landaj asocioj.
Bulgario: nenia ŝanĝo.
Ĉeĥoslovakio: La rilatoj kun la nova estraro evoluiĝas promesplene.

Polio: Kvankam denove ripetitaj provoj estas faritaj flanke de la IFEF-estraro en kunlaboro kun UEA, ne eblis ricevi respondon de la polaj adresitoj, kiuj simple silentas.
Rumanio: Ankaŭ la rumanaj kolegoj ne respondis al niaj leteroj.

30a kongreso.
Ĝi okazis la 13an ĝis la 19a de majo 1978 en Romo kun 350 partoprenantoj el 18 landoj. Protokolo aperis en IF 3/78. Ni akcentu:

- taŭga kongresejo kun agrablaj eblecoj refreŝiĝi en natura medio.
- aktuala fakprelego,
- reelekto de la estraro,
- radiointervjuo de la IFEF-prezidanto,
- ĉeesto en la inaŭguro de senatano Del Nero, gvidanto de interparlamenta grupo "Amikoj de Esperanto",
- la unuan fojon du japanaj kolegoj en IFEF-kongreso,
- interesaj turismaj ekskursoj.

Informado.
La membroj de la Honora Patrona Komitato kiel ĉiujare ricevis "Koncizaj Informoj" pri la plej gravaj okazintaĵoj en IFEF. Plurajn detalojn vi trovas en la resumo pri la jarraportoj en IF 4/78 pkt. 25.

Eksteraj rilatoj.
UEA: La ĝenerala kunlaboro kun UEA-instancoj estis bona. En la UK Varna okazis fervojista kontaktkunveno sub gvidado de nia komitatano A, d-ro Phersy (H). IFEF ankaŭ partoprenis en Interfaka kunveno. Bedaŭrinde mankis reprezentanto de UEA en nia kongreso en Romo.
FISAIC: Kiel oficialan reprezentanton FISAIC sendis sian ĝeneralan sekretarion al la IFEF-kongreso en Romo. S-ro F. Knop ĉeestis la tutan tempon.

Perspektivo.
La ĝenerala stato en tiuj landoj, kie ĉefe troviĝas niaj viv- kaj pagokapablaj landaj asocioj, evoluiĝis laŭ la maniero kutima de jaroj. Tio signifas paralelan grimpadon de prezoj kaj salajroj.

Restas al ni la espero, ke racioplena rezultato de la komitataj kunsidoj en Turku donu al IFEF la ŝancon de plura prospero.

Frankfurt/M, en marto 1979

Elfriede Kruse,
sekretariino.

---

DANKON AL NIA IFEF-KASISTO

Okaze de la printempa IFEF-estrarkunveno nia amiko Hauge, kasisto de IFEF, organizis la 1-an Skandinavian Kulturan Esperanto Fervojistan Semajnfinon en la urbeto Tolne, kie li loĝas (norde de Danio), la 3-an kaj 4-an de marto.
Ĉirkaŭ 50 skandinavoj partoprenis tiun renkontiĝon, kies programo enhavis: bankedon, folkloran vesperon, kunvenon kaj prelegojn pri la norvegaj kaj danaj fervojoj.
Kiel la aliaj membroj de la IFEF-estraro mi partoprenis ĉiujn aranĝojn, kaj mi vere ĝuis la treege simpatian etoson, kiu regis tie.
Jes, estas necese sin retrovi de tempo al tempo inter kolegoj, inter samideanoj, ĉar en la vivo estas ankaŭ necese ĉiam pligrandigi la nombron de siaj amikoj kaj konatuloj.
La vetero estis iom venta, iom pluvema aŭ malvarma, sed ni tute ne suferis pro tio, ĉar la gastameco kaj ĝentileco de nia amiko Henning Hauge kaj de lia edzino Erna estas el tiuj, kiuj kortuŝas kaj donas varmecon en la koro.
Al ili ambaŭ je mia nomo kaj je la nomo de ĉiuj partoprenintoj mi sendas plej elkoran dankon.

La Red.

# NEKROLOGOJ

Germanio

Du fidelaj membroj forlasis nin por ĉiam

Theodor Fischer, nask. 2.3.1887
Wilhelm Böhm, nask. 18.3.1917

Ni konservas pri ili bonan memoron. Al la familioj ni esprimas sinceran kondolencon.

IFEI

Nederlando

La 14an de januaro 1979 mortis en aĝo de preskaŭ 81 jaroj

Gerrit Cuperus.

Li estis dum multaj jaroj nia fidela membro. Kune kun la nederlanda asoci FERN ni perdis bonhumoran, ĉiam gajan kamaradon, kiun ni certe ne forge

Al la edzino kaj parencoj ni sincere kondolencas.

IFEF

Francio

La 4-an de marto 1979 forlasis nin por ĉiam nia bona amiko

Marcel Vom Hofe

en aĝo de 68 jaroj.

Al la edzino ni esprimas niajn plej sincerajn kondolencojn.

IFEF

---

LA FRONTPAĜO DE IF 1/1979

Post la finpresado de IF 1/1979 mi konstatis, ke ni anstataŭ 1979 presis 1977 sur la frontpaĝo, sed ĉar la presado kaj elsendo pro aliaj kaŭzoj estis sufiĉe malfruiĝitaj, mi decidis, ke ni tamen elsendu la bultenon por ne pli prokrasti la aperon. Tial kompreneble mi persone plene respondecas unue pri la malĝustaj cifero kaj due pri la malĝusta loko, kie ili estis presitaj. Mi esperas, ke la membraro pardonos min pr tiuj eraroj, kaj mi klopodas eviti, ke similaj estonte aperos.

H. Hauge

kasisto de IFE]

INVITOJ AL:

Italio

2-a Suna-Mara Internacia Ferio-Semajno.

La Esperanto-grupo de Reĝokalabrja (itale: Reggio Calabria) invitas ĉiujn esperantistojn partopreni internacian ferio-semajnon dum venonta julio sur la plej belaj mediteraneaj strandoj.

Reĝokalabrja estas urbo situante ĉe la suda pinto de kontinenta Italujo antaŭ la insulo Sicilio. En ĝi aktivas jam kelkajn jarojn Esperanto-grupo, kiu nun lanĉas internaciskalan agadon. Ĝi celas interalie renkontigi eksterlandanojn kaj lokajn esperantistojn.

Jen la ĉefaj informoj pri la ferio-semajno:

- ĝi okazos de la 14-a ĝis la 21-a de julio 1979.
  Ekzistas ebleco resti pli longe laŭ apartaj interkonsentoj kun la organizanto.
- loĝado kaj manĝado kostos po 10.000 italajn lirojn tage (se oni loĝos en du-persona ĉambro aŭ en kvar-persona bangalo) aŭ po 12.000 italajn lirojn tage (se oni loĝos en unu-persona ĉambro).
- aliĝkotizo: 10.000 italaj liroj.
  Apartaj interkonsentoj por landoj kun transpagaj malfacilaĵoj.
- la programo antaŭvidas sunajn-marajn banojn. Debatoj kun lokaj esperantistoj, ekskursoj tra Kalabrio kaj Sicilio, kromaj distradoj estos aranĝataj laŭ deziro de la partoprenontoj (kompreneble ĉiuj elspezoj pri ekskursoj ktp. estos surloke pagataj de la partoprenantoj).
- informojn donas kaj aliĝojn akceptas (ĝis la 10-a de aprilo 1979-a): Fiume Domenico, Via San Francesco 86-D, I-89051 Archi (Reggio Calabria) Italujo - telefono: 0965-48072.

----------

Germanio

Nia Esperanto-grupo invitas al Esperanto-Sprachferien in Unterkirnach. Se vi konas iun, kiu eble interesiĝas, informu al ŝi aŭ li.
Prospektoj estas haveblaj ĉe ni. Volonte ni ankaŭ alsendas la koloran faldfolion turisman de Unterkirnach en germana lingvo aŭ en Esperanto. Pri tio skribu al nia Verkehrsamt, Hauptstr., D-7731 Unterkirnach.

---

# Gravaj Enhavaĵoj

pago

Programo de la 31-a IFEF-Kongreso ........ 19
Jarraporto de la Sekretariejo pri 1978 ........ 21

---

La redaktofino por la venonta IF estas 10.5.1979

Grafika kaj teknika prizorgo: Esperanto-Centro Aarhus